# Esperantisto Slovaka

Organo de Slovakia Esperanta Federacio. Fondita en 1946 de Ernesto Váňa.
3/2014
ISSN 1335 5031




Speciala numero dediĉita al la

## 8-a Somera Esperanto-Studado 2014

SES 2014 denove sukcesa

Rememoroj pri SES

SES ankaŭ en Rusio

La 101a UK en Slovakio

# Enhavo / *Obsah*



**Frontpaĝe / *Na titulke*:**
Malfermo de la 8-a Somera Esperanto-Studado en Nitra / *Otvorenie 8. Letného štúdia esperanta v Nitre*. Foto: Andrzej Sochacki.

**Dorspaĝe / *Na zadnej strane obálky*:**
Bonega kaj neforgesebla koncerto de Kaŝi de Germanio (ĉi tie kun akompano de Kimo kaj Timo) *Výborný a nezabudnuteľný koncert Kašiho z Nemecka (tu sprevádzaný Kimom a Timom).*
Sube: Ĝoja etoso dum la vesperaj koncertoj igas SES pli ol somera lernejo. *Radostná atmosféra počas večerných koncertov robí SES viac než letnou školou*. Foto: Andrzej Sochacki

# Esperantisto Slovaka

Organo de Slovakia Esperanta Federacio
*Orgán Slovenskej esperantskej federácie*

Fondita en 1946 de Ernesto Váňa
*Založený v roku 1946 Ernestom Váňom*

Aperas 4-foje jare / *Vychádza 4 x do roka*

N-ro 3/2014, ISSN 1335-5031

**Adreso de la redakcio / *Adresa redakcie:***
Pavol Petrík, Na Dujave 3,
SK-082 56 Pečovská Nová Ves
esperantistoslovaka@gmail.com

**Abonkotizo / *Predplatné***
Libervola, sed minimume 6 EUR
(la SKEF-membroj havas rabaton de 2 €)
*Dobrovoľné, minimálne však 6 EUR*
*(členovia SKEF majú zľavu 2 €)*

Abonkotizo al eksterlando: min. 10 €
*Predplatné do cudziny: min. 10 €.*

La membro- kaj abon-kotizo de SKEF, kun nur elektronika versio: minimume 5 €
*Členstvo v SKEF a predplatné len elektronickej verzie časopisu: min. 5 €*

La abon- kaj membro-kotizon eblas transpagi al banka konto, resp. pagi kontante ĉe giĉeto de loka Tatrabanka al la konto de SKEF: 302 137 0653/1100, aŭ al la **UEA-konto skef-i**.
*Členské a predplatné môžete zaplatiť prevodom, resp. zaplatením čiastky v hotovosti v miestnej Tatrabanke na účet SKEF: 302 137 0653/1100, alebo na UEA-konto skef-i.*

**Post la pago nepre skribu al *jarmilarech@azet*.sk aŭ telefonu (SMS) al 0907184669, kiam kaj kiamaniere vi pagis (ekz. banknumero).**
***Po zaplatení určite oznámte mailom alebo telefonicky, kedy a akým spôsobom (napr. číslo účtu) ste poukázali platbu.***

**Adreso de Slovakia Esperanta Federacio**
***Adresa Slovenskej esperantskej federácie***
Zvolenská 15/21, SK-036 01 Martin, Slovakio

Prezidanto / *predseda*: Stano Marček, stano.marcek@gmail.com
Vicprezidanto / *podpredseda*: Michal Matúšov (KuboF), michal.matusov@esperanto.sk
Kasisto / *Pokladník*: Jarmila Rechtorisová jarmilarech@azet.sk, tel. 0907184669.

# SES 2014 en Slovakio denove sukcesa

**Jam la okan fojon okazis ĉi-jare Somera Esperanto-Studado en Slovakio. La nuntempe plej granda ĉiujara Esperanto-kursaro, kiun regule organizas Edukado@Interreto, okazis inter la 12-a kaj la 20-a de julio. Ĉi-foje ĝi allogis 248 personojn el 28 landoj.**

Al la regulaj partoprenantoj de la aranĝo la SES-ejo jam estis bone konata, ĉar post unu jaro en Martin ĝi denove okazis en la studenta hejmo Zobor, en la historiplena okcidentslovakia urbo Nitra.

La aŭspiciantoj estis la Ministro de Edukado, Scienco, Esploro kaj Sporto de Slovaka Respubliko Dušan Čaplovič, la prezidanto de la Nitra-a aŭtonoma regiono Milan Belica kaj la urbestro de la urbo Nitra Jozef Dvonč, kiu skribis la salutparolon al la SES-partoprenantoj, legeblan en la programlibro.

# SES 2014 na Slovensku opäť úspešné

**Už po ôsmykrát sa v tomto roku uskutočnila Letná škola esperanta na Slovensku. Súčasná najväčšia každoročná esperantská škola, ktorú pravidelne organizuje Edukácia@Internet, sa uskutočnila od 12. do 20. júla. Tento raz prilákala 248 ľudí z 28 krajín.**

Pravidelným účastníkom podujatia bolo miesto SES už dobre známe, lebo po roku v Martine sa akcia konala opäť v študentskom domove Zobor, v historickom západoslovenskom meste Nitra.

Záštitu nad podujatím prevzali minister školstva, vedy, výskumu a športu Slovenskej republiky Dušan Čaplovič, predseda Nitrianskeho samosprávneho kraja Milana Belica a primátor mesta Nitra Jozef Dvonč, ktorý napísal pozdravný príhovor účastníkom SES a bol uvedený v programovej brožúrke.





Prezentiĝo
de la organiza teamo



Prezento
de la instruistoj

Kerno de la aranĝo kompreneble denove estis la studado de Esperanto, kiu okazis ĉiutage de la 9-a matene ĝis la tagmanĝo je la 13-a horo. Aldone al la kutimaj kursoj laŭ la niveloj A1 – C1, ĉi-jare okazis ankaŭ kurso pri la Esperanta literaturo, kiun gvidis la famkonataj verkistoj Nicola Ruggiero el Italio kaj Jorge Camacho el Hispanio.

Aparte estis organizita sesio de la KER-ekzamenoj laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro. Ĝin partoprenis entute 10 personoj. Po du laŭ la niveloj B1 kaj B2, kaj 6 laŭ la supera nivelo C1.

La posttagmezoj logis per riĉa programo. Apud diversaj prelegoj pri tre variaj temoj kiel ekzemple pri sekureco en la interreto, diversaj lingvoj naciaj kaj planitaj, Vikipedio, aŭ pri temoj koncerne la Esperanto-movadon, okazis ankaŭ diversaj kursoj. Dancemuloj povis lerni tangon aŭ ĉardaŝon, muzikemulojn allogis la kurso pri ukulelo aŭ pri kantado de polaj kantoj. Aliaj amuziĝis per origamo, ornamado de T-ĉemizoj aŭ ekzercis siajn langojn per polaj langorompiloj. Dum la tuta aranĝo estis ankaŭ disponeblaj diversaj sportekipaĵoj. Eblis senpage ludi tablotenison, tenison kaj badmintonon.

Jadro podujatia bolo samozrejme opäť štúdium esperanta, ktoré prebiehalo každý deň od 9. ráno do obeda do 13. hodiny. Okrem zvyčajných kurzov podľa úrovní A1 – C1 sa v tomto roku uskutočnil aj kurz o esperantskej literatúre, ktorý viedli dobre známi spisovatelia Nicola Ruggiero z Talianska a Jorge Camacho zo Španielska.

Zorganizovali sa aj skúšky KER podľa Spoločného európskeho referenčného rámca. Zúčastnilo sa na nich celkom 10 osôb. Po dvoch podľa úrovne B1 a B2 a 6 podľa vyššej úrovne C1.

Popoludnia priťahovali bohatým programom. Popri rôznych prednáškach na rozličné témy, napríklad o bezpečnosti na internete, rôznych národných a plánových jazykoch, Wikipédii alebo o témach, ktoré súvisia s esperantským hnutím, konali sa aj rôzne kurzy. Tancachtiví sa mohli učiť tango alebo čardáš, hudobníkov priťahoval kurz o ukulele alebo spievanie poľských piesní. Iní sa zabávali pomocou origami, ozdobovaním tričiek, alebo si pocvičili svoje jazyky poľskými jazykolamami. Počas celého podujatia boli k dispozícii rôzne športové potreby. Zadarmo sa dal hrať stolný tenis, tenis a bedminton.



Instruada parto de SES
en klasĉambroj











Posttagmeze en diversaj paroligaj rondoj, organizitaj konvene al la variaj lingvaj niveloj, oni povis ekuzi kaj praktiki tion, kion oni lernis matene.

En la kinejo oni povis spekti filmojn kun Esperantaj subtekstoj aŭ eĉ dublitajn en Esperanto. Specialan atenton meritis la prezentado de ĉeĥaj/slovakaj animaciaj filmoj, por kiuj du specialaj gastoj estis invititaj sur la ekranon, nome Pat kaj Mat.

Nemalhavebla parto de la Esperanta kulturo estas la literaturo. Tion ĉi-jare aparte montris ne nur la priliteratura kurso, sed ankaŭ la libro, kiun ĉiu SES-ano ricevis donace en sia kongressako. Oni disdonis diversajn librojn por instigi al legado, diskutado kaj interŝanĝado. Kompreneble la diversaj verkoj ankaŭ estis haveblaj en la surloka libroservo, kie oni povis facile pligrandigi sian bibliotekon. Pluraj varoj estis speciale rabatitaj kaj aĉeteblaj favorpreze pro tre specialaj SES-ofertoj.

Kompreneble la celo de SES estas ne nur la lernado kaj la „umado“ en Esperantujo, sed ankaŭ la prezentado de Slovakio. Tial, kiel ĉiujare, denove eblis

Popoludní sa v rôznych konverzačných kurzoch podľa jednotlivých jazykových úrovní dalo využiť a praktizovať to, čo sa študenti naučili ráno.

V kine bolo možné sledovať filmy s esperantskými titulkami alebo aj dabované do esperanta. Osobitú pozornosť si zaslúžila prezentácia českých a slovenských animovaných filmov, na ktorú boli na plátno pozvaní dvaja špeciálni hostia – a síce Pat a Mat.

Neoddeliteľnou súčasťou esperantskej kultúry je literatúra. Na to v tomto roku poukázal nielen literárny kurz, ale aj kniha, ktorú každý účastník SES dostal ako darček vo svojej kongresovej taške. Rozdávali sa rôzne knihy, aby sa podnietilo čítanie, diskusia a vzájomná výmena. Pochopiteľne rôzne diela boli k dispozícii aj v miestnom kníhkupectve, kde ste si mohli ľahko zväčšiť svoju knižnicu. Mnohé položky boli zľavnené a dali sa kúpiť za výhodnú cenu, vďaka špeciálnym akciám počas SES.

Pochopiteľne SES nie je len štúdium a „život“ v esperantskom svete, ale aj predstavenie Slovenska. Ako každý rok,












partopreni plurajn ekskursojn. Sankta Petro montriĝis tre favora al la SES-anoj kaj zorgis pri tre konvena vetero.

Tuttagaj ekskursoj celis al la ĉefurbo Bratislava kaj al Banská Štiavnica. Nitra mem, kun sia histoririĉa centro kaj la kastelo, invitis al vizito kaj al grimpado sur la montopinton de la proksima monto Zobor dum duontagaj ekskursoj. Krome allogis ekskursoj al Topoľčianky kaj al Arboreto Mlyňany.

Tre riĉa estis ankaŭ la vespera programo. Ĉiujare la nacia vespero celas prezenti la kulturon kaj folkloron de Slovakio. La ensemblo „Rodina Hlbocka“ (t.e. familia grupo, kiu konsistas el Peter kaj Katarína Hlbocka kun siaj 7 infanoj) el la urbo Piešťany, ĉi-jare prezentis al la partoprenantoj tradiciajn slovakajn kantojn kaj kelkajn tipajn regionajn muzikilojn, plejparte nekonatajn al eksterlandanoj.

Tute alian etoson elvokis la muzikgrupo Noproblem, kies stilo estas tre spirita, sed ankaŭ miksita kun trampaj kaj kantri-muzikaj kantoj. Krom en la ĉeĥa, la grupo komencis kanti ankaŭ en Esperanto

aj teraz sa dalo zúčastniť na rôznych exkurziách. Svätý Peter ukázal, že je naklonený účastníkom SES a postaral sa o veľmi dobré počasie.

Celodenné exkurzie mali za cieľ hlavné mesto Bratislavu a Banskú Štiavnicu. Samotná Nitra so svojím historickým centrom a zámkom pozývali na návštevu a na výstup na vrchol blízkeho vrchu Zobor počas poldenných výletov. Priťahovali aj výlety do Topoľčianok a do Arboréta Mlyňany.

Veľmi bohatý bol aj kultúrny program. Každý rok chce národný večer predstaviť kultúru a folklór Slovenska. Súbor „Rodina Hlbocká“ (čiže rodinná skupina, ktorú tvorí Peter a Katarína Hlbockí a ich 7 detí) z mesta Piešťany tohto roku predstavili účastníkom tradičné slovenské piestne a niekoľko typických krajových hudobných nástrojov, ktoré boli zväčša pre zahraničných účastníkov neznáme.

Úplne inú atmosféru vyvolala hudobná skupina Noproblem, ktorej štýl je veľmi duchovný, ale zmiešaný aj s trampskými a country piesňami. Okrem češtiny skupina začala v roku 2013 spievať aj


Ankaŭ agrabla ripozado okazas dum SES :)






Ekskurso al Topoľčianky plaĉis kaj belis



en 2013. Dum sia ĉi-jara koncerto ili, la unuan fojon prezentis la kantojn de sia nova KD, kiu poste estis disdonita senpage al la aŭskultantaro.

Aparte sukcesa estis la koncerto de Kaŝi (Carsten Schnathorst el Germanio), kiu jam pasintjare dum la internacia vespero ege surprizis ĉiujn aŭskultantojn per sia kantado, kaj ĉi-jare faris sian unuan grandan koncerton.

En kromaj koncertoj brilis Kim J. Hendriksen el Danio, jOmO (Jean-Marc Leclercq) el Francio, kiu montris veran energiplenan muzikeksplodon, kaj Martin Wiese, kiu kune kun Bertilo Wennergren kantis ankaŭ kantojn de la rok-grupo Persone, kies membroj ili ambaŭ estis.

La Esperantan etoson dum la vesperaj programoj kompletigis la diskejo, la drinkejo kaj la gufujo.

La organiza teamo de SES denove meritas dankon pro la sukcesa aranĝo. Oni jam anoncis, ke la venonta SES en Slovakio okazos de la 11-a ĝis la 19-a de julio 2015 en Banská Bystrica.

**Markus Beyer**

v esperante. Počas tohoročného koncertu po prvýkrát predstavili piesne zo svojho nového CD, ktoré potom zadarmo rozdávali poslucháčom.

Zvlášť úspešný bol koncert Kašiho (Carsten Schnathorst z Nemecka), ktorý už minulý rok počas medzinárodného večera veľmi prekvapil všetkých poslucháčov svojím spevom a v tomto roku mal prvý veľký koncert.

Na ďalších koncertoch žiarili Kim J. Hendriksen z Dánska, jOmO z Francúzska, ktorý ukázal ozajstnú energickú hudobnú explóziu a Martin Wiese, ktorý spolu s Bertilom Wennergrenom spieval aj piesne rockovej skupiny Persone, ktorej členmi v minulosti boli.

Esperantskú náladu počas večerných programov doplnila diskotéka, krčma a gufujo (tichá kaviareň).

Organizačný tím SES si opäť zaslúži poďakovanie za úspešné podujatie. Bolo oznámené, že budúci SES na Slovensku sa uskutoční od 11. do 19. júla 2015 v Banskej Bystrici.

**Markus Beyer**


Vespere programo ĉiam viglas


Koncerto de jOmO akompananta de Kimo

# Taglibro de nova SES-anino

**Ekde kiam mi eklernis Esperanton per la retpaĝaro *www.lernu.net*, mi deziris partopreni en SES. Februare mi aliĝis kaj ekzorgis pri la vojaĝo.**

## La 12-an de julio

Mi planis veni al SES dum la postagmezo. Sekve mi havas tempon por iomete viziti piede la historian centron de Bratislavo. Fakte ĝi ne estas tre granda urbo (415 600 loĝantoj); mi ĝuas la trankvilecon kaj la verdlokojn. Mi supreniras al la kastelo, de tie la panoramo de Danubo kaj la urbo estas bela. Mi pluvagadas tra la senveturilaj stratoj, rimarkas muzeon pri horloĝoj, kaj miras antaŭ blua preĝejo, kiu ŝajnas esti farita el sukero.

Kaj ek al la bus-stacio! La buso al Nitra tuj foriros. Kelkal homoj ĉirkaŭas la ŝoforon, kiu enbusigas valizojn. Mi diras al li „Nitra?“ Turniĝas al mi junulo kun dorsosako: „SES?“

Ni konatiĝas dum la veturo. Li estas ĉeĥo, kiu jam dufoje partoprenis la aranĝon, kaj lia ĉefa celo estas renkonti geamikojn (prefere knabinojn, kompreneble …)

Elbusiĝo: nun, kiel iri al la SES-ejo? Ĉu buse, ĉu piede? Alia SES-ano, kiu ĵus alvenis, diras, ke estas nur dek minutoj da paŝado. Do, ek! Miaj du gvidantoj sekvas siajn poŝtelefonojn kaj ni bone alvenas… Post la akcepto mi finfine povas iomete ripozi en la dormĉambro, kiun mi okupos kun alia loĝantino, kiu ankoraŭ ne estas ĉi-tie. Kiam mi revenas, en la akceptejo staras Suzanne kaj Michel, ankaŭ Gisèle kaj Robert (du esperantistaj paroj, kiujn mi renkontis en Rumanio la pasintan jaron). Mi tre ĝojas retrovi tiujn amikojn!

Post la vespermanĝo la ĉeforganizanto Peter Baláž prezentas al ni la 12 instruististojn (el 10 landoj), SES-organizantojn, anĝelojn (kiuj helpas la novulojn). Ĉiuvespere okazas la sama afero: antaŭ la vespera programo Peter donas gravajn informojn pri la sekva tago.

Por interkonatiĝi ni ludas grupe. Ĉar ne eblas enkapigi la nomojn de 250 personoj, ĉiu, dum la tuta semajno, surmetas ŝildeton kun siaj nomo, loĝlando kaj parolataj lingvoj.

## La 13-an de julio

Frumatene mi iras al la programtabulo. Tie estas la taga „menuo“; horo kaj temo de diversaj distraĵoj, kiuj okazos postagmeze kaj vespere: ekskursoj, ludoj, prelegoj, filmoj, koncertoj, lingvaj kursoj, dancoj. Sed unue la laboro: Esperanto-kursoj de la 9-a ĝis la 13-a. Hieraŭ la lernontoj trapasis etan teston por taksi siajn nivelojn. Mi malkovras en kiu kurso mi estas registrigita: B2, kiun Tim Morley gvidos. Li estas tre vigla instruisto, kiu rapidege parolas kun multaj mimikoj. Ĉiumatene li komencas







Kurso pri la E-literaturo kaj kulturo allogis multajn



sian kurson per klarigoj petitaj de lernantoj pri gramatikaj punktoj. Poste ni laboras en grupoj po 5 aŭ 6. La celo de la ekzercoj estas paroligi ĉiujn. Nia klasĉambro ne estas en la SES-ejo, sed en proksima restoracio. Ĝi estas malhela, malgranda, kaj sonorigas la voĉojn; feliĉe ni ofte povas uzi la terason. Sur tiu teraso ni ankaŭ tagmanĝas: tio estas pli agrabla ol en la SES-manĝejo, kaj kunligas la kursanojn.

Posttagmeze ĉirkaŭ 70 homoj piediras al la urbo-centro por gvidata vizito de Nitra. La vetero estas suna kaj varma, paŭzo en trinkejo estus bonvena. Ĝuste, la unua vizito estas je teodomo, kie ni spektas etan teo-ceremonion kaj trinkas kelkajn tasojn da diversaj teoj. Poste ni vizitas apudan sinagogon, kiu entenas muzeon pri la holokaŭsto de la dua mondmilito, antaŭ ol trairi en la urbo per eta trajno. Ni eltrajniĝas piede de la kastelo, kies fortikaĵoj ŝirmis la episkopan sidejon kaj ties palacon kaj preĝejon. Antaŭ ilia statuo ni aŭskultas la historion de Cirilo kaj Metodio, kiuj kreis la unuan alfabeton por skribi slavajn lingvojn.

Post la vespermanĝo okazas la nacia vespero. Unue muzika spektaklo de la folklora ensemblo „Familio Hlbocka“, en kiu sin prezentas la gepatroj kun siaj ok infanoj (ĉi-vespere nur ses el ili), kiuj ĉiuj kunludas kaj kantas tradiciajn slovakajn kantojn. Mi tre ĝuis tion. Due, por agrable fini la tagon, ni gustumas lokajn vinojn el la vinproduktejo „Vino Nitra“, kiu estas fama en Slovakio.

## La 14-an de julio

La manĝejo malfermiĝas ekde la 7-a kaj duono. Mi ŝatas matenmanĝi frue, ĉar ne estas multaj homoj, kaj la loko ne estas tro brua. Mi altabliĝas kun Maja, nova slovaka amikino, kiu lernis Esperanton per la reto kaj, ĉar ne ekzistas Esperanta societo en ŝia urbo, parolas la lingvon la unuan fojon. Mi admiras ŝian kapablecon.

Pri la manĝaĵo: samtempe kun SES okazis dum tri tagoj kongreso de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio. Kiam oni aliĝis al SES, oni povis elekti vegetaranajn, eĉ veganajn aŭ viandajn manĝojn. Fakte multaj (mi inter ili) elektis senviande manĝi pro timo de tro da viandaĵoj, ankaŭ pro la rabato proponita.


Popola muziko dum koncerto de Familio Hlbocká impresis kaj etosigis









Dum la posttagmezo mi provas eklerni la slovakan. Oni diras, ke tiu lingvo estas la Esperanto inter slavaj lingvoj. Kiam mi vidas, ke ekzistas pli ol dek deklinaciojn por substantivoj (laŭ la genro kaj la fina litero de la vorto) en tiu „simpla“ lingvo, kiaj estas la aliaj !

La vespera spektaklo estas koncerto de jOmO: varma etoso!

## La 15-an de julio

Hodiaŭ mi vagadas piede kaj sole en Nitra por serĉi kelkajn geokaŝojn, sed mi neniun trovas. Ne gravas, mi konsoliĝas per gustumo de granda glaciaĵo. Reveninte al SES-ejo mi partoprenas ludon „pasis la temp'“, per ludkartoj. Ni estas ok ludantoj en kvar skipoj; samskipanoj sidas frontalfronte ĉe tablo. Ridegas spektantoj kiuj grupiĝis ĉirkaŭ ni! Mia partnero estas Bertilo Wennergren, akademiano, la verkisto de PMEG, sed mi forgesas la komencajn timojn kaj ege amuziĝas.

Surprizo de tagfino: Suzanne prezentas al mi hispaninon Marta de Barcelono, kiu dancas popolajn dancojn kaj partoprenas kiel mi en la Granda Balo de Eŭropo.

## La 16-an de julio

Hodiaŭ ne estas kurso, sed taga ekskurso al Bratislavo aŭ Banská Štiavnica. Mi elektis la duan, kies nomon mi neniam sukcesos prononci, kaj kiu estas fama pro minado de metaloj (ĉefe arĝento). Minoj estis tre profundaj kaj estis malfacile kaj multekoste lukti kontraŭ inundoj de subteraj akvoj. Pro tio, dum la 18-a jarcento, la viena estraro decidis fermi la minejojn. Sed iu sperta ministo kaj inĝeniero, Jozef Karol Hell, inventis sistemon por provizi sufiĉe da malmultekosta energio por dreni la minejojn. Per digoj oni konstruis 60 grandajn ujojn, „tajĥoj“, por stoki la pluvakvon kaj fanditan neĝon, kiujn kaptis 72 km da kanaloj. La sistemo povis enteni 7 milionojn $m^3$ da akvo. Tiu akvo fluis tra 57 km da kanaloj ĝis akvoradoj, kiuj funkciigas pumpilojn ekipitajn per pendola sistemo. La akvoradoj eĉ provizis sufiĉe da energio por kromaj uzadoj. Nuntempe la rezervujoj estas belaj turismaj lagoj.

Sed ek al montaro! Post unu horo ni elbusiĝas ĉe Subĉiela Minmuzeo. Komence ni spektas etan filmon (subtitolita en la











angla), kiu klarigas kiamaniere oni minadis en la apartaj epokoj. Poste, ĉiu ekipita per kasko, lampo kaj mantelo, ni malsupreniras en subteran galerion. Kelkfoje ĝi estas tiel mallarĝa, ke oni povas apenaŭ paŝi, aŭ tiel malalta, ke la kapo frapiĝas kontraŭ la rokon. La atsmosfero estas tre malseka, oni senĉese aŭdas glugli akvon. Kia peniga laboro…

Ni ĝuas la varman sunon kiam ni eliras antaŭ ol reenbusiĝi, por iri tagmanĝi en urba restoracio. Posttagmanĝe ni vizitas la urbon, kaj mi malkovras belegan altan kupran kamentubon, kiu staras sur tegmento de bierfarejo.

Ni finas la ekskurson en la teejo „Divná pani | (Stranga virino). Fakte la loko estas sufiĉe stranga kun bretoj ŝarĝitaj de libroj, kaj mi ne scias kiel priskribi ĝin (pli bone vidu mem ĉe *http://www.divnapani.sk/index.php?id=_fotogaleria&idclanku=277),* sed mi povas aserti, ke kukoj, ĉokoladoj kaj trinkaĵoj ege bongustas…

## La 17-an de julio

Eklerni tangon en slovakio de dana gvidanto. Ĉu vere? Jes! Ĉio eblas tie ĉi.

La vespera spektaklo estas koncerto de la ĉeĥa grupo Noproblem. Ok kantistoj/muzikistoj, kiuj ludas trampan kaj kantri-muzikon. Ekde 2013 ili komencis adapti iujn kantojn al Esperanto, kaj por SES-koncerto ili ludas 6 Esperantajn kantojn. Mi tre ŝatis tiun koncerton. La spektantoj ricevas donace KD-on kun kantoj en Esperanto kaj en la ĉeĥa. Agrabla donaco.

## La 18-an de julio

Dum kelkaj kuraĝuloj trapasas KER-ekzamenojn, mi vizitas Arboreton Mlyňany, parkon fonditan de d-ro Štefan Ambrózy-Migazzi el Hungario. Kun sia edzino Antónia li konstruigis kastelon apud Vieska nad Žitavou, rande de arbaro. En tiu arbaro li komencis planti alilandajn arbospeciojn. Hodiaŭ ĝi okupas 67 hektarojn, kaj ĝiaj kolektoj enhavas pli ol 2300 arbospeciojn el Mediteraneo, Ameriko, Afriko kaj Azio. En 1951 ĝi estis deklarita kiel protektata areo. Nuntempe ĝi estas scienca laborloko de Slovakia Akademio de Sciencoj. Kun Michel kaj Maja mi trankvile paŝas laŭ la vojetoj.

**Elen Aloessendri,** Francio





# SES 2014: du grandaj defioj dum du monatoj

## (SES-oj de la organiza vidpunkto)

**Somere 2014 okazis SES du-foje: julie en Nitra, Slovakio, kaj aŭguste en Koltiŝevo, Rusio.**

La eksperimento okazigi SES ankaŭ en alia lando (krom Slovakio, kie ĝi ĝis nun ĉiam okazis) evidentiĝis sufiĉe sukcesa – la rusan SES partoprenis 87 homoj el 11 landoj. (Eble ŝajnas malmulte, kompare kun 248 homoj el 25 landoj en la slovaka SES ĉi-jare, sed oni konsciu, ke tien dum la unua SES ankaŭ venis nur ĉ. 100 personoj.).

Kompari ambaŭ aranĝojn estas iom malfacile – la okazigo de la slovaka SES estis nekompareble pli facila – malgraŭ pli granda partoprenantaro, ni konis la lokon de antaŭaj SESoj, havis imagon pri la ekipo, teknikaĵoj, ebloj, funkciado ktp. Aldone ja multaj teamanoj okazigis la aranĝon jam dum pluraj jaroj, tial ili bone sciis kiel kio funkcias. En Rusio multaj aferoj por ni estis novaj – kaj veninte al la loko nur unu tagon antaŭ la partoprenantoj signifis rapide orientiĝi, dismeti programerojn, eksperimenti ankaŭ dum la aranĝo, improvizi ktp. La rusa organiza teamo estis helpema kaj prizorgis multajn aferojn tre bone (ekz. elstaraj ekskursoj, programeroj pri la rusa kulturo ktp.), sed senteblis simpla manko de sperto pri tiaspeca aranĝo, kaj foje do necesis inventemo aŭ rapidaj ŝanĝoj en la programo. Ĝenerale tamen plej multaj homoj estis tre kontentaj pri ambaŭ aranĝoj (tion konfirmadis ankaŭ la demandaroj, kiujn ni fine de la aranĝo petas plenigi), kaj tio ja kontentigas ankaŭ nin kiel organizantojn.

**La instruado** en ambaŭ aranĝoj estis tre bona, la granda internacia teamo en Slovakio estis preskaŭ sama kiel pasintjare – krome aldoniĝis kurso pri la E-literaturo kaj kulturo, kiu evidentiĝis tre popolara, kaj ni planas daŭrigi en tiu direkto. En Rusio elstare instruis ses personoj, kaj ĉiu nivelo estis vere tre altnivela. Interesa eksperimento estis okazigo de la rusa kurso, kiu allogis dekon da partoprenantoj.

**Programo** en ambaŭ aranĝoj estis laŭ simila skemo, kun siaj specifecoj en ambaŭ kazoj – oni ja havis pli proksimajn (intimajn) rilatojn en la rusa SES, kie eblis pli bone konatiĝi kun pluraj personoj. En la slovaka SES okazis pliaj paralelaj programeroj, pro la simpla fakto de pli granda homamaso.

En la rusa SES la programo estis pli orientita al Rusio kaj ĝia kulturo – kio ja estis tre bonvena afero – malmultaj eksterlandaj partoprenantoj havas rektan kontakton kun la nuntempa Rusio, aŭ scias multon pri ĝia riĉa historio.

Pli da sporta programo ĉi-jare videblis en ambaŭ lokoj – kio estas ja tre bonvena afero – post antaŭtagmeza instruado bonas moviĝi iom kaj trejni siajn korpojn – kelkaj tiun moviĝon lasas nur por la nokta programo :).

La noktumado estis en Rusio multe pli kvieta (kutime okazinta en Gufujo, kun pluraj literaturaj vesperoj, noktaj poem-deklamoj ktp.), kompare kun ĉiunoktaj diskotekoj en Slovakio (sed ankaŭ ĉi tie havis gufujo sian publikon ĉiunoktan).

**Ekskursoj** okazis ambaŭlande – ambaŭloke oni prezentis interesaĵojn kaj vidindaĵojn de la proksimaj urboj kaj regiono. Tiel do oni povis konatiĝi kun la historio kaj kulturo de la lando/j pli detale. Specifaĵo de la rusa SES estis la antaŭkongreso – kiu ebligis resti 3 tagojn en Moskvo, kaj konatiĝi kun la ĉef-urbo. Tie jam kelkaj E-istoj pli bone interkonatiĝis kaj pluamikiĝis en SES. Krome Moskvo ja bezonas vere pli ol unu tagon por vizito, do la

antaŭkongreso estis tre bonvena programero. (Estas plano okazigi estonte ankaŭ por la slovaka SES antaŭ- aŭ postkongreson).

Por mi, la organizanto, estis kompreneble malfacile ĝui la aranĝojn plene (por tio simple ne restas sufiĉa tempo ĉe ĉiuj zorgoj organizaj), sed mi ankaŭ estas feliĉa pri okazigo de ambaŭ aranĝoj – ili ja bele pruvas, ke Esperanto estas rapide kaj bone lernebla (tion pruvis la komencantoj en ambaŭ aranĝoj), ke ĝi bonege funkcias kiel peranto de kulturoj (ekzemple dum prelegoj pri Rusio/Slovakio), sed ankaŭ kiel portanto de sia propra, specifa, humanisma kulturo (pluraj koncertoj, prelegoj kaj diskutoj tion ĉi povis malkovri al ĉiuj, eĉ novuloj).

Krome – danke al la organizado de la rusa SES, mi mem havis finfine eblon persone konatiĝi kun pluraj tre interesaj rusiaj E-istoj, kies kvalitojn mi tre alte taksas – ekz. s-roj Bronŝtejn, Povorin, Blinov.

Post la slovaka SES skribis unu partoprenantino, ke al ŝi ŝajnas, ke SES ĉiun jaron iĝas pli kaj pli bona :). Tio efektive ĝojigas nin, kaj ĝuste tio estas ankaŭ nia celo – adapti la aranĝon al la ĉeestantoj, samtempe ĝin fari laŭ niaj imagoj, kaj kongruigi ĝin kun niaj opinioj kaj ideoj. Se la aranĝo pli kaj pli plaĉas, estas tre bona signo ke ni „estas sur la sama ŝipo" :).

Se oni sentas, ke la aranĝo evoluas, kreskas, kaj se homoj mem revenas al ĝi (kaj aldone estas pli kontentaj ol antaŭe), tio eble montras ĝustan direkton de la organizado. En tiu ĉi direkto do ni volus daŭrigi ankaŭ en la proksima estonto, espereble ni sukcesos! (Se vi emas helpi al ni en tio, volonte kontaktu nin kaj proponu helpon – SES ĉiam bezonos pliajn manojn (sed ankaŭ kapojn kaj ceteron de kapablaj esperantistoj :).

**Konklude**: Okazigi tian ĉi aranĝon (des pli du-foje ene de du monatoj samjare) vere ne estas facila nek rapida afero – organizado ekas jam pli ol jaron antaŭe kaj daŭras longe post finiĝo de la aranĝo mem. Kiu ne kredas, tiun mi invitas iĝi parto de la organiza teamo :). Sed – la streboj alportis fruktojn, la aranĝoj plaĉis, ni ekhavis novajn spertojn, ekkonis novajn homojn kaj aldonis nian guton por plu disvastigi Esperanton. Tio ĉio laŭ mi sufiĉas por esti kontenta pri SESoj 2014 :).

Kaj kio pri la jaro 2015? SES okazos nur unufoje - en Slovakio (en Banská Bystrica aŭ Martin, ni sciigos en sekva numero kaj en nia retejo). Okazigi du SESojn samjare estas tamen tro granda laboro, kaj ĝi forprenas multe da energio kaj tempo de ni, la organizantoj. Krom tio, niajn fortojn ni volas nun pli multe dediĉi al okazigo de la Universala Kongreso de Esperanto, kiu ja okazos jam somere 2016 en Nitra!

Tamen, krom la slovaka SES venontjare okazos en aŭgusto en la urbo Nitra plia aranĝo: la SAT-kongreso, kiu daŭros inter 8.-15.8.2015. Aldone ja okazos en Francio UK kaj en Germanio IJK – do abundos interesaj aranĝoj por partopreni somere en Eŭropo. Mi do deziras al ĉiuj agrablan esperantumadon en 2015 – kaj ĝis revido en SES, aŭ en iu alia Esperanto-aranĝo!

Detaloj pri SES: http://ses.ikso.net

**Peter Baláž**
la organizinto



# Miaj spertoj pri ambaŭ SES-oj

**Ĉi-jare Somera Esperanto-Studado unuafoje okazis en du landoj: Slovakio kaj Rusio. Laborante por E@I, mi partoprenis en ambaŭ, por helpi en la organizado.**

La slovaka SES okazis en la urbo Nitra en julio, la rusa SES en la vilaĝo Koltiŝevo (Moskva provinco) en aŭgusto. La principo estas la sama: kursoj de Esperanto matene, prelegoj kaj ludoj posttagmeze, koncertoj vespere. Malgraŭ tio estis malsamoj inter ili, kaj ambaŭ SES-oj havis malsamajn etosojn. En la slovaka SES partoprenis 248 homoj el 28 landoj; en la rusa SES partoprenis ĉirkaŭ 80, kiuj plejparte estis rusoj. Tio ne estas surprizo: en Eŭropo estas pli da homoj, kiuj interesiĝas pri Esperanto, kaj Slovakio estas multe pli facile atingebla por ili (sen vizo).

Ambaŭ SES-oj strebis prezenti ne nur Esperanton, sed ankaŭ la lokan kulturon al la partoprenantoj, eble pli en la rusa SES ol en la slovaka. En Nitra estis koncerto de popola muziko kaj vingustumado. En Rusio okazis granda spektaklo dum la nacia vespero, sed ankaŭ diversaj prelegoj pri rusa kulturo kaj, unuafoje, samtempe kiel la kursoj de Esperanto, estis kurso de la rusa lingvo por komencantoj.

Organizado de SES en Nitra estis pli facila: la organizantoj jam organizis plurfoje SES-on, jam konis la lokon kaj estis ĉiuj en Slovakio (aŭ proksime).



Eĉ baleton oni povis lerni dum SES

La rusan SES-on organizis ne nur E@I, sed ankaŭ loka organiza teamo en Rusio, kaj komunikado inter la du teamoj estis foje malfacila. Malgraŭ la organizaj problemoj, la rusa SES estis sukcesa: estis kelkaj problemoj kun ĉambroj (ĉefe klasĉambroj) kaj lastminutaj ŝanĝoj en la programo, sed entute la semajno bone okazis kaj la partoprenantoj estis kontentaj.

Konklude, tiuj du spertoj estis malsamaj, sed ambaŭ estis bonaj. En Slovakio mi aparte ŝatis la riĉan programon (estis multaj koncertoj kaj prelegoj), la diversecon de la homoj, la belecon de la urbo. En Rusio mi ŝatis la bonajn loĝkondiĉojn (plej multaj homoj estis tre kontentaj pri la manĝaĵo) kaj la eblon malkovri novan landon.

**Matthieu Desplantes**


Bonega koncerto de „Martin kaj la talpoj“ el Svedio



# Impresoj pri SES-Rusio

## Nikolaj Krivĉenkov, Rusio



Mi komencis lerni Esperanton. Tio estas jam la kvara provo – sed ĉi-foje en Somera Esperanto-Studado (SES) en Rusio. Jes, estis vera lernejo. Mi lernis en la grupo de la nivelo B1. Nia kursgvidanto estis Szabolcs Szilva (Sabi) el Hungario, kiu eĉ ne konis la rusan lingvon. Por mi kiel ruso estis grava kaj eksterordinara, ke instruisto ne povis paroli en la rusa. Mi ne povas demandi en la rusa lingvo, kaj tio donis pli da ebloj por lingva praktiko. Ni eksciis multe da novaj vortoj. Ni komprenis kelkajn malsimplajn gramatikajn aĵojn. Kaj certe nia Esporanto pliboniĝis. Ekde nun mi scias, ke fremdaj lingvoj estas efike instruataj en la lernata lingvo – eĉ ekde la nula nivelo, sed ne kiel en niaj lernejoj – en la rusa.

SES estis skuige bonega! Ni dancadis, kantadis, komunikis, aŭskultis diversajn prelegojn. Estis bonegaj ekskursoj kaj koncertoj. Tio estas la plej bona ripozo en mia vivo, la neforgeseblaj ok tagoj! Multaj novaj konatoj kaj impresoj. Interkompreniĝi kun eksterlandanoj en Esperanto – tio estas impresege! Mi amas Esperanton!

## Jacques Belugh, Francio



Mi tre ĝojas pro mia partopreno en SES 2014 en Moskvo! Mi revenis hejmen lunde la 27an de aŭgusto, kaj aktuale mi fartas tre bone, ĉar mi tre ŝatis la rusan SES!!!

La rusa SES estis la unua SES por mi! Mi lernas Esperanton ekde tri jaroj kun libroj kaj per interreto, iomete kun miaj samaĝuloj, Esperantaj geamikoj (9-10 en mia kamparana regiono de Lozerode, kun 74000 loĝantoj). Sed antaŭ la alveno kaj la Esperanta babilado ĉe ni de la juna Klera, en aprilo 2014, mi nur balbutis Esperante!!! Do, la invito de

Komuna foto de la unua rusa SES

„Lernu“ per interreto plus la alveno de Klera faris mian aliĝon senhezita, kun la permeso de mia edzino.

Do, tritaga vizitio al Moskvo antaŭ SES, kie mi konatiĝis en aŭgusto 1981 kun mia edzino! Unue mi uzis miajn Esperanto-sciojn! Bonŝance mi povis iomete ankaŭ krokodili... Evidente mi tre ĝojas retrovi Klera en SES, sed ankaŭ mi konatiĝis kaj komunikis, kelkfoje malfacile, kun novaj konatoj, kiuj estas nun miaj novaj Esperantaj kontaktoj en la interreto!

En Lozero ni devu organizi nin por babili en Esperanto, kaj ne perdi ĉion tion, kion ni lernis... Pri la rusa lingvo: Я сам учу, Я читаю и пишу со словарем на коленях.

## Boris A. Zozulja, Rusio

La tagoj de SES-Rusio apud Moskvo pasis por mi kiel unusola brila feliĉa tago.

Eble mi iom troigas, ĉar dum la lastaj 12 jaroj mi partoprenis nur REAN (Rusia Esperanto-Asocio de Nevidantoj), sed, fakte, SES estis organizita bonege!

Kvankam fine de ĉiu vespero mi sentis min tute elĉerpita, en la sekvanta mateno mi estis preta konsumi kaj partopreni novajn programerojn.

Mi strebadis viziti du kursojn: de A. Melnikov kaj de M. Bronŝtejn, sed ne ĉiam sukcesis. Ambaŭ gvidantoj/prelegantoj faris siajn taskojn ne nur bone, sed brile!



Tre bone gvidis sian temon pri bellegado Mirina Gonĉarova, kvankam ŝia parto ofte estis enŝovita post la 23-a horo kaj ŝi, okupiĝanta tuttage, krom instruado, ankaŭ pri organizaj aferoj, estis videble laca. La mastruma parto (verŝajne la plej malfacila), dank' al senhalta laboro de la organiza teamo, estis plenumata senriproĉe.

Malgraŭ la streĉa politika situacio en Eŭropo, la etoso dum SES estis plene paca kaj eĉ amikeca. Dum la renkontiĝo mi sentis, ke la homoj el Okcidenta Eŭropo tre volis ricevi informojn pri la eventoj en Ukrainio, ricevi ilin senpere de ordinaraj homoj. Mi kaj iuj aliaj partoprenantoj provis eldiri propran opinion, ĉiuj laŭ sia vidpunkto. Verŝajne necesus organizi komunajn interŝanĝojn de opinioj, sed tamen la afero povus esti riska.

La organizantoj elektis taŭgan lokon por la renkontiĝo. Mi ekpensis, eble estus bone organizi ankaŭ vintre tiom grandajn renkontiĝojn, ekzemple REU-konferencojn?

Do, bone estus daŭrigi similajn aranĝojn, sed iomete (nur iomete) kun malpli plenŝtopita programo.



Bona estoso kaj brilaj spektakloj, vespera programo de la rusa SES



# La 101-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Nitra!

**Dum la 99-a Universala Kongreso de Esperanto en Bonaero la Estraro de UEA decidis, ke la 101-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Slovakio, en la urbo Nitra, 23. – 30. 7. 2016.**

## Agoj antaŭ la decido

Antaŭ la decido estis realigitaj kelkaj paŝoj. Pri la kongreso aspiris pluraj urboj. La lasta aliĝinta urbo estis Nitra. Laŭ la reguloj la oficistoj en Rotterdamo elektis du urbojn (Lisbono kaj Nitra), kiujn ili plusendis al Estraro de UEA. Ĝenerala direktoro de Centra Oficejo Osmo Buller kaj Konstanta Kongresa Sekretario Clay Magalhães kolektis bazajn informojn pri la kondiĉoj de la kandidataj urboj, kaj persone vizitis la urbojn.

# 101. Svetový kongres esperanta sa uskutoční v Nitre!

**Počas 99. Svetového kongresu esperanta v Buenos Aires vedenie UEA rozhodlo, že 101. svetový kongres esperanta sa uskutoční na Slovensku, v meste Nitra, od 23. do 30. 7. 2016**

## Činy pred rozhodnutím

Pred rozhodnutím bolo zrealizovaných niekoľko krokov. O kongres sa usilovalo vacero miest. Posledným prihláseným bola Nitra. Podľa pravidiel úradníci v Rotterdame vybrali dve mestá (Lisabon a Nitra), ktoré postúpili vedeniu UEA. Generálny sekretár Centrálnej kancelárie Osmo Buller a Stály kongresový sekretár Clay Magalhães zozbierali základné informácie o podmienkach kandidátskych miest a osobne tieto mestá navštívili.



La vizito en Slovakio: Ján Vajs, Dorota Rodzianko, Osmo Buller, Peter Baláž, Eva Fitzelová kaj Clay Magalhães

## Vizito en Slovakio

Oficiala vizito de O. Buller kaj C. Magalhães en Slovakio okazis de la 23-a ĝis la 25-a de marto 2014. La roterdamajn oficistojn akompanis el la slovaka flanko Peter Baláž, Ján Vajs, Dorota Rodzianko kaj Eva Fitzelová. La unua vizito estis en la urbodomo de Nitra, kie la delegacion akceptis la urbestro Jozef Dvonč. La urbestro informis la reprezentantojn de UEA pri la historio kaj nuntempo de la urbo Nitra, kaj klarigis, kiaj ebloj estas en la urbo por organizado de la Universala Kongreso. Ambaŭ roterdamaj oficistoj demandis pri la persona opinio de la urbestro kaj la oficiala starpunkto de la urbo al la eblo organizi la UK-on en Nitra. La urbestro subtenis la proponon de SKEF kaj diris, ke la urbo estos kunorganizanto, se la Estraro decidos organizi la UK-on en Nitra. Poste la urbestro rekte en la urbodomo montris ejojn, kiuj povus esti uzataj dum la UK. Pri la akcepto alportis informojn urbaj kaj regionaj amaskomunikiloj.

La dua vizito okazis en Agrokomplex, ŝtata entrepreno por organizi foiregojn. La Esperantan delegacion akceptis direktoro de la entrepreno Ferdinand Ďurkovič, kiu informis pri spacaj kaj servaj eblecoj de la entrepreno, kaj persone akompanis la delegacion dum trarigardo de la halegoj kaj ejoj. Poste la laboristoj de Agrokomplex kompilis financan proponon por luo de la unuopaj objektoj.

Kora akcepto okazis en Agroinstituto

## Návšteva na Slovensku

Oficiálna návšteva O. Bullera a C. Magalhãesa na Slovensku sa uskutočnila v dňoch 23.–25. marca 2014. Rotterdamských úradníkov sprevádzali zo slovenskej strany Peter Baláž, Ján Vajs, Dorota Rodzianko a Eva Fitzelová. Prvá návšteva bola na radnici v Nitre, kde delegáciu prijal primátor Jozef Dvonč. Primátor informoval zástupcov UEA o histórii a súčasnosti mesta Nitra a vysvetlil, aké možnosti sú v meste pre organizovanie Svetového kongresu. Obaja rotterdamskí úradníci sa spýtali na osobný názor primátora a oficiálne stanovisko mesta voči možnosti organizovať UK v Nitre. Primátor podporil návrh SKEF a povedal, že mesto bude spoluorganizátorom, ak vedenie rozhodne organizovať UK v Nitre. Potom primátor priamo na radnici ukázal miestnosti, ktoré by sa mohli využiť počas UK. O návšteve priniesli informácie mestské a regionálne masmédiá.

Druhá návšteva sa konala v Agrokomplexe, štátnom podniku na organizovanie veľtrhov. Esperantskú delegáciu prijal riaditeľ podniku Ferdinand Ďurkovič, ktorý informoval o priestorových a servisných možnostiach podniku a osobne sprevádzal delegáciu počas prehliadky veľkých hál a miestností. Potom pracovníci Agrokomplexu vypracovali finančný návrh na prenájom jednotlivých objektov.

Srdečné prijatie bolo v Agroinštitúte (vzdelávacie centrum) u riaditeľky Márie Debrecéniovej, ktorá informovala o skúse-



Akcepto ĉe la urbestro.
Sidas J. Vajs, P. Baláž, O. Buller,
C. Magalhães, D. Rodzianko, staras Jozef Dvonč.



František Ďurkovič, direktoro
de Agrokomplex, akceptis la delgitaron

(kleriga centro) ĉe la direktorino Mária Debrecéniová, kiu informis pri la spertoj de Agroinstituto pri organizado de grandaj kunvenoj kaj kongresoj. La delegacio trarigardis la instruĉambrojn kaj aŭditoriojn kun bona teknika ekipaĵo.


Mária Debrecéniová

Krom oficialaj akceptoj la delegacio konatiĝis kun loĝeblecoj en la urbo – hoteloj kaj studenthejmoj, kie estas kapacito por 5 000 vizitantoj. Al ili estis prezentitaj kelkaj historiaj kaj gravaj objektoj de la urbo. Dum la tuta vizito el la flanko de la roterdamaj oficistoj estis dirita nek unu kontraŭstara vorto.

## Korektoj de la propono

Poste alvenis el Roterdamo kelkaj demandoj kaj rimarkoj pri financoj, kiuj rilatis al la luado de objektoj en Agrokomplex. Pro tio la 29-an de majo P. Baláž, J. Vajs kaj D. Rodzianko vizitis Slovakan agrikulturan universitaton en Nitra, kie kun la universitata rektoro Dr.h.c. prof. Ing. Peter Bielik, PhD. kaj la kvestorino doc. Ing. Oľga Roháčiková, PhD estis interkonsentite, ke la UK okazos en lokoj de la Universitato kun pli bonaj financaj kondiĉoj. Pri la novaj faktoj estis informitaj la roterdamaj oficistoj kaj la Estraro de UEA.


La universitata rektoro Peter Bielik

Post tiu ĉi baza ŝanĝo ekestis batalo inter la protektantoj de Lisbono kaj Nitra. Argumentoj por aŭ kontraŭ la unua aŭ la dua urbo estis multaj. La lastan vorton havis la Estraro de UEA, kiu fine de julio 2014 decidis, ke la 101-a UK okazos en Nitra.


Oľga Roháčiková

**J. Vajs**

*Pli detale pri la 101-a Universala Kongreso de Esperanto ni informos en la sekva numero de ES.*

nostiach Agroinštitútu s organizovaním veľkých stretnutí a kongresov. Delegácia si prezrela výučbové priestory a poslucháme s dobrým technickým vybavením.

Okrem oficiálnych prijatí sa delegácia oboznámila s možnosťami ubytovania v meste – hotelmi a študentskými domovmi, kde je kapacita pre 5 000 návštevníkov. Bolo im predstavených niekoľko historických a dôležitých objektov v meste. Počas celej návštevy zo strany rotterdamských úradníkov nebolo vyslovené ani jedno protichodné slovo.

## Korekcie návrhu

Potom prišlo z Rotterdamu niekoľko otázok a poznámok ohľadom financií, ktoré sa týkali prenájmu objektov Agrokomplexu. Preto 29. mája P. Baláž, J. Vajs a D. Rodzianko navštívili Slovenskú poľnohospodársku univerzitu v Nitre, kde s rektorom univerzity Dr.h.c. prof. Ing. Petrom Bielikom, PhD a kvestorkou doc. Ing. Oľgou Roháčikovou, PhD, bolo dohodnuté, že UK sa uskutoční v priestoroch univerzity s lepšími finančnými podmienkami. O nových skutočnostiach boli informovaní rotterdamskí úradníci a vedenie UEA.

Po tejto základnej zmene vznikol súboj medzi zástancami Lisabonu a Nitry. Argumentov pre alebo proti jednému alebo druhému mestu bolo veľa. Posledné slovo malo vedenie UEA, ktoré sa koncom júla 2014 rozhodlo, že 101. UK bude v Nitre.

**J. Vajs**

*Podrobnejšie o 101. svetovom kongrese esperanta budeme informovať v ďalšom čísle ES.*

# Katolikoj kaj protestantoj kune en Trento

**Ekde la 16-a ĝis la 23-a de aŭgusto 2014 okazis la 20-a Ekumena kongreso (67-a IKUE-kongreso kaj 64-a KELI-kongreso) en la itala urbo Trento.**

Ĉi tiu urbo en la jaro 1542 estis elektita kiel sidejo de la tielnomata Koncilio de Trento (1545-1563), per kiu oni klopodis reunuigi la kristanajn ekleziojn post la protestanta Reformacio. Kiel sciate, ĝi ne atingis la celon, sed ĝi kontribuis al la reformado de la Katolika Eklezio. Pro tiuj historiaj kialoj, la papo Paŭlo la 6-a konfidis al la Diocezo de Trento apartan taskon al la ekumena agado.

La urbo estas riĉa je vidindaĵoj naturaj, historiaj kaj monumentaj. Starigita en la valo de la rivero Adige [pr. A'diĝe], ĝi estas ĉirkaŭata de altaj montoj. Laŭlonge de tiu valo pasas la vojoj al norda Eŭropo, pro tio ĝi estis protektita de multenombraj kasteloj ankoraŭ nuntempe bone konservitaj.

La kongreso okazis en „Centro Mariapoli Chiara Lubich" en Cadine, vilaĝo en la komunumo de Trento, sed iom for de la urbocentro kaj meze de la montaro. Centro Mariapoli estas ekumena centro de „Movimento Focolari" (Movado de la Fajrujoj), kiu multe agas favore al la interreligiaj rilatoj. Tie kunvenas ne nur kristanoj, sed ankaŭ fideluloj de aliaj religioj, pro tio en la Centro ne ekzistas kristana preĝejo, sed oni pretigas ĉiufoje taŭgan ejon por preĝi laŭ la kredaparteno de la kunvenintoj.

La temo de la kongreso estis transprenita el la 1-a letero de sankta Paŭlo al Korintanoj: „Ĉu Kristo estas dividita?" (1 Kor 1, 13). Kelkaj prelegoj dum la kongreso pritraktis ĉi tiun temon el diversaj vidpunktoj.

# Katolíci a protestanti spolu v Trente

**Od 16. do 23. augusta 2014 sa uskutočnil 20. ekumenický kongres (67. kongres IKUE a 64. kongres KELI) v talianskom meste Trento (Trident).**

Toto mesto bolo v roku 1542 vybrané za sídlo takzvaného Tridentského koncilu (1545-1563), ktorým chceli opäť zjednotiť kresťanské cirkvi po protestantskej reformácii. Ako je známe, koncil nedosiahol tento cieľ, ale prispel k reforme katolíckej Cirkvi. Pre tieto historické dôvody pápež Pavol VI. zveril tridentskej diecéze osobitnú úlohu ekumenickej činnosti.

Mesto je bohaté na prírodné a historické pamätihodnosti. Nachádza sa v údolí rieky Adige, je obklopené vysokými horami. Údolím prechádzajú cesty do severnej Európy, preto bolo chránené početnými hradmi, ktoré sú aj dnes dobre zachované.

Kongres prebiehal v „Centro Mariapoli Chiara Lubich" v Cadine, dedinke, ktorá patrí do Tridentu, ale je trochu ďalej od centra mesta a uprostred hôr. Centro Mariapoli je ekumenické centrum Hnutia Focolare, ktoré pôsobí v prospech medzináboženských vzťahov. Stretávajú sa tu nielen kresťania, ale aj veriaci iných náboženstiev, preto v centre nie je kresťanský kostol, ale vždy sa tu pripravuje vhodná miestnosť pre modlitbu podľa vyznania účastníkov.

Téma kongresu bola prevzatá z 1. listu svätého Pavla Korinťanom: „Je Kristus rozdelený?" (1 Kor 1, 13). Niekoľko prednášok počas kongresu spracovalo túto tému z rôznych pohľadov.

Na kongrese sa zúčastnilo okolo 70 esperantistov z 15 krajín Európy. Program bol veľmi bohatý. Okrem spoločných

La kongreson partoprenis ĉirkaŭ 70 esperantistoj el 15 landoj de Eŭropo. La programo estis tre enhavriĉa. Krom komunaj preĝoj kaj diservoj okazis kunsidoj de IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) kaj KELI (Kristana Esperantista Ligo Internacia). Dum la solena inaŭguro la kongresanojn persone salutis la arkiepiskopo de Trento Luigi Bressan. Kadre de la kultura programo oni povis ĝui dancan spektaklon de la grupo „Brainstorm“ kaj muzikan spektaklon de la ensemblo „Il Tambur del Sole.“

La partoprenantoj vizitis ankaŭ Ekumenan centron de la urbo Trento, kiu multe agas por la intereklezaj rilatoj en la urbo kaj la ĉirkaŭaĵo. Oni vizitis la proksiman urbon Rovereto, kie estas sonorilego de milit-falintoj. Ĝi estis farita el la kanonoj de la unua mondmilito. Ĉiutage vespere la sonorilego disaŭdiĝas por la paco en la mondo. La kongresanoj vizitis ankaŭ tiean ortodoksan preĝejon. Tuttaga ekskurso celis la urbon Merano, kie la partoprenantoj povis viziti sinagogon kun malgranda muzeo, la evangelian preĝejon de la aŭgsburga konfesio kaj la romkatolikan katedralon. Alian tagon la kongresanoj vizitis tre interesan sanktejon de la sankta Romedio, fakte temas pri kvar preĝejoj el diversaj periodoj sur 99 metrojn alta rok-piramido.

Fine de la kongreso okazis tiel nomata Trenta sankta meso en la rito, kiu estis uzata en la romkatolika eklezio ĝis la liturgia reformo de la Dua vatikana koncilio.

La partoprenantoj povis ĝui tre belan semajnon en frata kaj amika etoso. La venonta ekumena kongreso okazos en Strasburgo, Francio aŭguste 2015.

**Pavol Petrík**

modlitieb a bohoslužieb sa uskutočnili zasadnutia IKUE (Medzinárodnej katolíckej únie esperantistov) a KELI (Kresťanskej medzinárodnej esperantskej ligy). Počas slávnostného otvorenia účastníkov kongresu osobne pozdravil arcibiskup Tridentu Luigi Bressan. V rámci kultúrneho programu účastníci mohli vychutnať tanečné vystúpenie skupiny „Brainstorm“ a hudobné vystúpenie so súborom „Il Tambur del Sole.“

Účastníci navštívili aj Ekumenické centrum mesta Trident, ktoré veľa pracuje pre medzináboženské vzťahy v meste a okolí. Navštívili blízke mesto Rovereto, kde je obrovský zvon padlých vo vojne. Bol vytvorený z kanónov z prvej svetovej vojny. Každý deň večer sa obrovský zvon ozýva pre pokoj vo svete. Účastníci kongresu navštívili aj tamojší pravoslávny chrám. Celodenný výlet smeroval do mesta Merano, kde účastníci mohli navštíviť synagógu s malým múzeom, evanjelický kostol augsburského vyznania a rímskokatolícku katedrálu. V iný deň účastníci navštívili veľmi zaujímavú svätyňu svätého Romedia, ide o štyri kostoly z rôznych období na 99 metrov vysokej skalnej pyramíde.

Na konci kongresu sa uskutočnila takzvaná Tridentská svätá omša v obrade, ktorý sa používal v rímskokatolíckej cirkvi do liturgickej reformy Druhého vatikánskeho koncilu.

Účastníci mohli prežiť veľmi pekný týždeň v bratskej a priateľskej atmosfére. Budúci ekumenický kongres bude vo francúzskom Štrasburgu v auguste 2015.

**Pavol Petrík**


Ekskurso al Rovereto


Katedralo de Sankta Vigilio en Trento

# Rendevuo en la kafejo Radnička

**Pluva aŭgusta mateno 21.8.2014. En multaj el ni ĝi elvokis malagrablajn rememorojn pri la okazintaĵoj antaŭ 46 jaroj.**

Oni ne povis eviti tion, kio lasis eternajn spurojn en generacio, kiu tiam vivis. Ja en tiu sorta tago la armeoj de Varsovia Kontrakto (sen Rumanio) perforte enmarŝis en nian teritorion, nokte, kiel ŝtelistoj. Poste nia hejmlando merĝis en la nokton.

La pluvo fine ĉesis. Ni ne atendis, ke antaŭvespere restos eĉ unu guto. Staris ĉe ni anĝeloj. La negranda kafejo Radniĉka pleniĝis ĝis la lasta sidloko.

Kiel kutime, la ĉeestantojn bonvenigis ĝiaj dungitoj. Ĉiujn salutis la kelnero Filip Horváth. Post kelkaj frazoj li transdonis la vorton al Anna Iváková, organizantino de tiu ĉi renkontiĝo, la nelacigebla organizantino de literaturaj renkontiĝoj kaj aŭtoraj legadoj. Ĉi-foje ŝi iom deflankiĝis de sia direkto, ĉar ŝi estas ankaŭ esperantistino, kaj kune kun Radniĉka donis spacon al nia interesa lingvo sub la titolo: „Rendevuo kun Esperanto".

Ne eblas kontraŭi, ke ni, Slovakoj, estas nacio kantema (kvankam nuntempe multe da homoj estas en malfavorega ekonomia situacio, eĉ sub limo de povreco, kaj tiuj ne emas kanti), ni komencis per la kanto, kompreneble en Esperanto, pere de la triopo – Anka, Jarka kaj Majka kun gitaro.

Ne mankis bazaj informoj pri la kreinto de la lingvo L.L. Zamenhof, la konataj personoj de Esperanto en Slovakio Martin Benka, Július Barĉ-Ivan, Ján Valašťan Dolinský kaj aliaj. Poste pri UEA kaj Esperanto-agado en Bratislava kaj en Slovakio parolis M. Minichová, A. Iváková kaj J. Rechtorisová.

La renkontiĝo estis kompletigita per prezentado el SES en Nitra, dissendita per TV Markíza kaj TA3. La teknikan flankon prizorgis Rastislav Šarišský. Inter la informoj sonis niaj popolkantoj, dulingve. La organizantino ne forgesis mencii sian amon - la literaturon. Ja kia lingvo ĝi estus, se iu ne verkus aŭ ne tradukus el alia lingvo. Ni aŭdis poemojn de Eva Fitzelová, verkitajn ankaŭ en Esperanto. En tradukverko ili estis poemoj de la nuntempa poeto prof. Jozef Leikert el la poemkolekto „Tuŝoj de animo" pere de Maria Minichová en la slovaka kaj Anna Iváková en Esperanto, kiu aktuale aldonis fragmenton el la rakonto „La lernejo vokas" el ŝia preparita libreto „Sur la Danubo per Propelero". J. Rechtorisová tralegis la fragmenton el unu rakonto el ŝia tradukverko. La rendevuon kun Esperanto ni oficiale finis per la popolkanto „Mariŝa, kisu min", kiu kunkantigis la tutan Radnička, kaj disnodis langojn de la ĉeestantoj. Estis multe da demandoj kun multaj respondoj. Ĉiuj, kiuj venis, travivis utile la ĉi-aŭgustan vesperon, kion ili pruvis en la diskuto. Tio ne bezonas pluan komenton.

**Anna Iváková**






Foto: Marian Grebáč

# Brandodistilejo

**En „Brandodistilejo“ de Boris Filan en Slovaka Radio, sabate la 8-an de marto, oni „distilis“ Esperanton.**

La diskuto pri esencaj informoj pri Esperanto, ĝiaj ekesto, konstruo, uzo kaj disvastiĝo en la mondo, kantoj, vortludoj, eĉ fi-vortoj. La amuza programero de la sabata antaŭtagmezo estas pensiga. Se vi ne havis la eblon aŭskulti ĝin, ĝi troveblas sur la retpaĝo de Liptova Esperanto-klubo *http://lek.esperanto.sk/*. La gasto estis la esperantisto Johano Vajs, terkultivisto, speleologo, vojaĝanto.

**M.M.**

# Pálenica

**V Pálenici Borisa Filana v Slovenskom rozhlase sa v sobotu 8. marca „pálilo“ Esperanto.**

Diskusia o podstatných informáciách o esperante, jeho vzniku, stavbe, využití, rozšírení vo svete, piesňach, slovných hračkách i pejoratívach. Zábavná relácia sobotňajšieho dopoludnia je podnetom na zamyslenie. Ak ste ju nemali možnosť sledovať, nájdete ju na stránke Liptovského esperantského klubu *http://lek.esperanto.sk/*. Hosťom bol esperantista Ján Vajs, poľnohospodár, jaskyniar, cestovateľ.

**M.M.**

## KAEST kaj AMO-seminario

### – praktikaj scioj novembre en Modra

**13.-16.11.2014, Modra Harmónia, Slovakio**

**Aliĝu, proponu vian kontribuon aŭ simple venu por ĝui sciencon en Esperanto!**
**Jam 60 aliĝintoj el 13 landoj!**
**Detaloj troveblas en *http://kaest.ikso.net***



